# Esperanto en Azio kaj Oceanio

**(Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado)**
**N-ro 102**
Bulteno de KAOEM
Januaro 2019

---

## Feliĉan novjaron!



Temas pri la sesa Esperanta Semajno de la elementa lernejo Baiyangshujie en la urbo Taiyuan de la Shanxi-Provinco de Ĉinio.

# La bezono prezenti sin pli vigle en 2019



SO Jinsu, prezidanto de KAOEM

Karaj membroj de KAOEM kaj legantoj

D-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA, mesaĝis, kun akcento de komuna forto kaj solidareco, por novjara saluto en januara numero de la organo Esperanto, “La bezono senti nin kune”, kaj mi elokventas mesaĝi al niaj membroj “La bezono prezenti sin pli vigle”, okaze de la speciala jaro 2019, kiam okazos ne nur enlandaj esperantaj eventoj, sed ankaŭ internaciaj eventoj kaj elekto de nova estraro de nia komisiono, KAOEM. Ankaŭ la urbo de la 10a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto en 2022 estos decidata en Danang, por kio ni ja devas anticipe prepari.

Lastatempe ni aziaj verduloj senhalte akumulis multajn historiajn memorojn kaj spurojn per enlandaj kunvenoj, renkontiĝoj, kongresoj en pluraj urboj kaj landoj, per Zamenhofa Tago en multegaj urboj, per komuna kongreso de Japanio kaj Koreio, per fondo de Esperanto-societo en universitato de Filipinio, per varbo de novaj membroj sur strato en Indonezio, per elekto de nova estraro en Barato, kaj per amikaj vizitoj de najbaraj landanoj, ekzemple ĉinoj al Mongolio kaj Norda Koreio, kaj japano kaj ruso al Samarkando, ktp.

Dezirindas, ke Azio kaj Ocecanio pli proksimiĝu per reciproka vizito inter personoj, kluboj, organizoj, kaj per pli da vidalvidoj ankaŭ sur fejsbuko kaj jutubo. Nia bulteno ‘Esperanto en Azio kaj Oceanio’ lastan jaron jam volumis pli ol 100, kiu donas al ni la signifon de matureco kaj abundeco. Redaktanto ĉiam bonvenigas la raportojn de aktivuloj kaj kontribuojn de informantoj kaj skribemuloj.

Mi ne povas ne mencii pli ofte pri la 9a Azia-Oceania Kongreso, okazonta en Danang, Vjetnamio inter 25a kaj 28a de aprilo, pro la graveco. Movada Foiro, Interkona Vespero, Inaŭguro kaj Ferma Ceremonio, kunsidoj de lingvo, arto, kulturo kaj komisiono, Nacia

Vespero, ekskursoj, Internacia Vespero atendas vin, ne nur azianojn kaj oceanianojn, sed ankaŭ afrikanojn, amerikanojn kaj eŭropanojn. La kongreso vere montros festivalon de ni, esperantistoj, kiuj vere amikas unu la alian inter si. Ni akceptos novan estraron por la periodo 2019-2022, laŭ la statuto. Mi, SO Jinsu, prezidanto, s-ro Inumaru Fumio, vicprezidanto, kaj s-ro Enkhee Chimedtseren, sekretario, kaj la membroj atendas multajn kandidatojn el diversaj landoj, kiuj servos kaj kontribuos por ni en nova epoko.

Respektante antaŭajn gvidantojn kaj membrojn, kaj bonvenigante postajn gvidantojn kaj membrojn, ni restas je via prezento pli vigla ol silenta kaj hezitema. Ni progresos nur per ĉies kunlaboro kaj kompreno. Kun ĉiama danko kaj amo al redaktoro de KAOEM, kaj membroj junaj kaj eksjunaj, aŭ ankoraŭjunaj, mi salutas.

## "Sano - Feliĉo - Prospero – Sukceso - Paco"

## *Bonvenon al Vjetnamio!*

## *La 9-a Azia Oceania Kongreso atendas vin!*

### *Danang, Vjetnamio atendas vin ĉiujn!*

Saluton estimataj kaj karaj!

Unu nova jaro revenis. Fermante kune la malnovan jaron kaj bonvenigante la novan, mi ŝatus sendi miajn plej bonajn dezirojn al mia esperantistaro en Azio - Oceanio kaj en la tuta mondo.

2019 venas kun la 9-a Azia Oceania Kongreso: multaj ŝancoj sed ankaŭ multaj defioj venas por ni, esperantistoj en Vjetnamio. Tio estos la instigo por ke Vjetnama Esperantistaro daŭrigu sian internan fortecon. Kun fido kaj subteno de mondaj esperantistoj, ni sukcesos kun multaj impresaj kaj respektindaj atingoj.

Kun slogano "Neniam ĉesu klopodi", Vjetnamaj Esperantistoj daŭre proponas novajn agadojn kaj plibonigas la kvaliton de agadoj. Okaze de AK-9, ni bonvenigos vin, kaj alveno de viaj amikoj, konatoj, familianoj kuraĝigos nin, … por alporti bonajn spertojn, novajn ideojn kaj opiniojn

riĉigi nian movadon; kaj kune kun ni la belecon de urbo Danang, la urbo vivinda.

Fine, kun respekto, mi ŝatus esprimi mian sinceran dankon pro via valora kunlaboro dum la pasinta periodo kaj deziri daŭre ricevi subtenon kaj kunlaborecon. Nguyen Thi Phuong Mai




## La 9-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto

### La 25an-28an de aprilo 2019

Loko: Danang, Vjetnamio
Temo: Esperanto kaj kultura diverseco de Azio kaj Oceanio

KAEM havas plezuron inviti esperantistojn de Azio kaj Oceanio kaj de la tuta mondo. La kongresa temo estas "Esperanto kaj Kultura Diverseco de Azio kaj Oceanio". Danang estas agrabla, gaja urbo situanta ĉe la mezo de Vjetnamio.




Facebook-Paĝo de la LKK: https://www.facebook.com/La9aAK/
Informilo: Aliĝilo & informilo rev2.pdf
Aliĝilo: Aliĝilo por la 9-a AK.doc
(retpoŝtu al aziakongreso9@gmail.com)
Tuja Aliĝilo: https://goo.gl/6Lhf4D (farita de LKK / VEA)
*Pri aliĝintoj vidu la dokumenton sur la paĝo "Novaĵo" de tiu retejo.)
*Aliĝu pli frue ol la finon de marto, post kiam eble ne aperos via nomo sur la nomaro de kongres-libro.)

## Vjetnamio

# La 6-a kongreso de VEA

La 28-an de decembro, ĉe la oficejo de VUAO (Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj) en Hanojo okazis plej grava, granda evento de vjetnama Esperanto-movado - la 6-a Kongreso de VEA, oficperiodo 2018-2023

Estis bona, serioza okazo por elekti novajn komitatanojn, bona okazo por honorigi eksajn estraranojn de la asocio de pasintaj periodoj. Riĉa programo plenigis tutan matenon. Oni revidis ĉiujn agadojn de la asocio dum 5 pasintaj jaroj kaj aranĝis planon por venonta oficperiodo.



VEA honore ricevis de VUAO gratulatestilon, 2 esperantistoj s-ino Nguyen Thi Ngoc Lan kaj s-ro Pham Manh Thuong ricevis medalojn pro Paco kaj Amikeco inter popoloj.

Ni kune gratulu al denova daŭriga prezidanto Nguyen Van Loi kaj nova ĝenerala sekretariino Nguyen Thi Hien. Raportis Ha Nguyễn

Nova estraro de VEA (15 membroj):

1. Prezidanto: s-ro Nguyen Van Loi
2. Vic-prezidantoj: s-ino Nguyen Thi Phuong Mai (el Hanojo),
   s-ro Tran Quan Ngoc (el Hoĉiminh)
3. Ĝenerala sekrektario: s-ino Nguyen Thi Hien

4. Komitatanoj:
   - el Hanojo:
     s-inoj Pham Mai Lan, Trinh Hong Hanh, Nguyen Thi Nep, Tran Thi Hoan, Bui Hai Mung;
     s-roj Nguyen Van Ha, Tran Tuan Nghia, Tran Van Phan
   - el Hochiminh:
     s-ino Duong Tu Kieu, s-ro Phung Manh Tien
   - el VUAO: s-ino Bui Lien Huong

## Novaĵo pri Zamenhof-Tago en Hanojo

Dimanĉmatenee la 23an de decembro 2018, ĉe la centro de Lernejo Nguyen Van To (strato Hang Quat - Hanojo, tie ĉi estas La lulilo de vjetnama Esperanto-movado en la tridekaj jaroj de la 20a jarcento), Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA) okazigis bilancon por la jaro 2018 kaj Zamenhof-tagon.

Alvenis pli ol 50 partoprenantoj inkluzive de delegitoj de VEA (Vjetnama Esperanto-Asocio), HUAO (Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj) kaj membroj de HANEA, ankaŭ juna studento el Brazilo studanta en Hanojo, amiko Gabriel, ĉeestis. Oni kunportis multe da fruktoj, sukeraĵoj, kukoj, ktp.

Post esprimado de prezidantino de HANEA - s-ino Nguyen Thi Phuong Mai pri sociaj Esperanto-agadoj kaj plano por venontjaro, delegitoj de VEA, HUAO paroladis, gratulis, gvidis kaj konsilis pri movado-agado. Poste, gvidantoj de HANEA disdonis gratul-atestilojn kaj premiojn al la plej aktivaj grupoj, membroj.

Dua parto, plej interesa de la kunveno estis Zamenhof-festo, komenciĝis per rakonto pri vivo kaj laboro de Zamenhof, ludo de enigmo kun multaj demandoj rilate al Esperanto, Esperanto-asocioj, E-kongresoj, eventoj... La atmosfero pli kaj pli gaja ĝis la fino de festo pro tio ke organizantoj disdonis premiojn al ĉiuj ĝustaj respondoj. Interesa artprogramo dulingva ĝojigis, varmigis ĉiujn dum la kunveno, ĉiuj kune kantis "La Espero", komuna foto estis la lasta afero. Ĉiuj kontente adiaŭis.

Raporto Ha Nguyễn

# Tajlando

## Bangkoka Zamenhof-Festo



La 15-an de decembro estas grava tago por esperantistoj, ĉar ĝi estas la naskiĝtago de Zamenhof. Ni okazigis prelegojn pri Esperanto por venigi interesatojn aŭskulti, kio estas Esperanto laŭ diversaj aspektoj. Ekzemple lingva, turisma, politika kaj religia. Entute estis 19 ĉeestantoj en la festo. La festo komenciĝis pere de salutmesĝoj de Renato Corsetti, eksa prezidanto de UEA kaj sekvis la salutmesaĝo de prof. SO Jinsu, la prezidanto de KAOEM.

Poste estis prelegoj, kiuj estis nur en la taja lingvo, ĉar ni celis nur por tajlandanoj. Kaj ni volas diri, ke dank' al Duolingo iuj studentoj jam eklernis Esperanton.

Post tio oni decidis organizi studrondon en januaro, ĉar kelkaj interesatoj volis lerni Esperanton, en kiu gvidos s-ro Ĵaz.

**Esperantistoj al Bangkoko!**

En decembro venis esperantsitoj el la urbo Gordon, samtempe kun esperantistino el Irlando. Poste venis korea esperantisto loĝanta en Aŭstralio. Poste venis s-ro Sasaki Teruhiro, japana esperantisto kaj eksa profesoro en la universitato Zaozhuang, Ĉinio.

Valso Warut<warut92@gmail.com>;

# Indonezio

## Nia Zamenhofa festo

La 15an de decembro 2018, ni okazigis Zamenhofan Feston ĉe “Taman Tebet en Ĝakarto”. Ni elektis tiun ĉi lokon, ĉar ni ŝatus ĝui la naturon kaj samtempe ni malfermis la agadon al la publiko.



Ĉi-foje nur malmulte da amikoj. Komence, du amikoj legis la poemojn de Zamenhof, unu el kiuj havas titolon "Ho, Mia Kor'". Poste, ni amuze kantis la kantojn, "Dankon Zamenhof" kaj "Esperanto Por Ni". En la lasta parto, ni manĝis la Esperanto-torton kaj interbabilis pri Esperanta sperto kaj movado.

Ni ankaŭ utiligis la ŝancon por propagandi Esperanton al la homoj, kiuj kolektiĝis en tiu parko. Plejparto de ili estas junuloj, kiuj faris diversajn aktivecojn kiel sporti, ludi aŭ nur babili. Ni poste vidis grupon de junuloj, kiuj ŝajnis diskuti ion. Ni proksimiĝis kaj salutis kelkajn de ili, kiuj afable resalutis nin. Ili estas gelernantoj de altlernejo de "Karya Teladan". Mi tuj prezentis nian agadon kaj demandis, se iu iam aŭdis pri Esperanto. Kelkaj respondis, ke estas hispana, meksika aŭ portugala lingvoj. Evidente ili ne scias pri Esperanto. Mi daŭre enkondukis per simpla informo kaj kuraĝigis ilin por viziti la retpaĝon de Indonezia Esperanto-Asocio ĉe www.esperanto.or.id kaj aliĝi al niaj sociaj retpaĝoj. Ni ankaŭ disdonis la Esperanto-torton kaj donacon al kelkaj, kiuj jam kuraĝe demandis kaj respondis. La propagadon ni ankaŭ faris al aliaj. En la malfrua vespero, nia agado finiĝis kun ĝojo, ĉar ni sukcese festis kaj disvastigis nian lingvon.

Skribita de Ilia : iea@esperanto.or.id

# Nepalo

## La 5a Sud-Azia Seminario

Gekaraj,

Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) finfine decidis okazigi la 5an Sud-Azian Seminarion (SAS) en Katmanduo en oktobro 2019. Ĝi okazos de la 14a ĝis la 18a de oktobro. Sed datoj estas ŝanĝeblaj laŭ la rekomendo de koncernatoj. NEspA decidis tion post multe da diskutoj kaj kolekto de opinioj el diversaj kampoj. Je la fino, ĉiuj membroj unuanime subtenis okazigon de la 5a SAS. NEspA decidis samtempe okazigi la 4an Specialan Ekskurson tuj post la 5a SAS. Ĝi okazos de la 18a ĝis la 24a de oktobro 2019.

SAS jam okazis 4-foje: la unua okazis en Nepalo, la dua en Pakistano, la tria en Srilanko kaj la 4a en Barato. Ĝi okazas preskaŭ ĉiun duan jaron. Multaj homoj opinias, ke dank' al SAS esperantistoj en la suda Azio havas okazon renkontiĝi kaj la Movado progresas.

NEspA okazigas Himalajan Renkontiĝon preskaŭ ĉiun duan jaron kun piedmarŝado en la montaro. En februaro-marto en 2019 okazos la 13a. Tamen iuj homoj ne povas marŝi, pro kio NEspA organizas Specialan Renkontiĝon inter tiuj Himalajaj Renkontiĝoj. Tiu 4a Speciala Renkontiĝo okazos kune kun SAS-Seminario en oktobro.

Bharat Ghimire <nespa.1990@gmail.com>;

## Forpasis s-ro Ramesh Chalise

Malĝoje mi skribas malbonan novaĵon, ke nia kara amiko, aktiva membro de NEspA, Ramesh Chalise, forpasis hodiaŭ (la 21an de januaro) pro la motorcikla akcidento. Mi ege malĝojas aŭdi lian forpason. Lia animo restu pace en la ĉielo kaj Dio donu forton al liaj patrino kaj familianoj. La funebro okazos morgaŭ en la hinduisma templo en Pashupati en Katmanduo.

Indu Devi Thapaliya (Prezidanto de NEspA)

# Irano

## Irana Esperantisto (IE) ĵus aperis

La plej freŝa numero de Irana Esperantisto (IE) ĵus aperis.
http://www.espero.ir/revuo/IE-27.pdf
En tiu ĉi vintrra numero oni povas legi i.a. pri:

Esperanto en Reta Serio;
Forpasis Kofi Annan;
Esperanto en la Tornistro;
Aventuroj de pioniro;
Simpleco au Malsimpleco;

Unu el la interesaj partoj de la gazeto estas la intervjuo de S-ro Amir Fekri kun d-rino Zahra Karimi, kiu estis la unua elektita ĉef-komitatano de IREA (Irana Esperanto-Asocio). Ŝi diras pri la pozitiva influo de Esperanto en vivo de ŝi kaj ŝia edzo, kiu ankaŭ Esperantistas, kaj iom da historiaj aferoj rilate la Esperanto-movadon de Irano.

Cetere estas rakonto de Spomenka Ŝtimec titolita “Telero por Lili Ivanek”, kiu estas tradukita al la persa.

La kovrilon de la revuo ornamas la enirejo de laste aĉetita oficejo de IREA. Sur tiu foto kelkaj steloj de la Irana Movado montriĝas dum la malferma ceremonio de la oficejo. Kaj la dorsa kovrilo temas pri la kongresejo de la 12a Mezorienta Esperanto-Kunveno. Ĝi estas belega!

Ene de la gazeto aperas ankaŭ kelkaj gravaj informoj pri tiu kunveno, kiu okazos en marto de tiu ĉi jaro en urbo Kashan en Irano.

Antaŭe dum jaroj la gazeto aperis papere kaj ankaŭ sur la gazetaj kioskoj tra Irano kaj tamen nun ĝi aperas rete.

La gazeton redaktas S-ro Hamzeh Shafiee kun la helpo de kontribuantoj Iranaj.

Kontribuaĵoj kaj komentoj estas bonvenaj por la venontaj numeroj de la gazeto, kiu aperas sezone kaj dulingve: Esperante kaj perse.

Posted by: Reza KHEIRKHAH <rezamenhof@yahoo.com>

## Esperanta kurso en universitato




La 9an de novembro komenciĝis nova Esperanta kurso en Alame –Tabatabie-universitato en Tehrano.

En la unua foto s-ro Mamduhi (la instruisto) respondas demandojn de interesiĝintoj.

La dua foto montras afiŝon pri diversaj lingvoj inkluzive de Esperanto, kiuj nuntempe estas instruataj en tiu universitato!

Nazi Solat <nazisolat@yahoo.com>

# Rusio

## Renkontiĝo de Amikoj-14





 

Almenaŭ unu fojon en la vivo oni devas ekvidi malproksiman sed nekredeble belan teron - Kamĉatka! Unika ebleco fari tion en la grupo de samideanoj, sub Esperanto-flago! Ni invitas kuraĝulojn al nia aventuro kaj promesas multajn interesajn aferojn: vi vidos vulkanojn kaj oceanon, manĝos diversajn fiŝojn kaj kaviaron, flaros liberajn ventojn!.

Pli detale:

Datoj 04.08 - 13.08.2019

Ni havos 9 tagojn, noktumado en tendoj kaj en turisma bazejo, kaj en junulargastejo, sed dorsosakojn ni ne portos. Parte ni veturos per aŭtoj, parte - perpiede. La plej longaj distancoj - po 20 km (nur dufoje). La prezo de la programo - 49990 rubloj (flugbiletoj oni aĉetu aparte). Ĝi estas valida nur se vi antaŭpagos ĝin (8000 - ĝis la 01.10 kaj 8000 ĝis 01.12) La kotizo estas 1000 rubloj por ĉiu partoprenanto. Gravas: oni akceptas nur infanojn de pli ol 14 jaraj. Se vi decidas partopreni, bonvolu plej rapide kontakti min (mi informos vin pri flugbiletoj). La programo estas interesa, ni grimpos sur 3 vulkanojn, kaj ŝip-vojaĝos tra oceano kaj banos nin en naturaj termobankuvoj. En la rusa vi povas legi ĉiujn detalojn de itinero en tiu-ĉi retpaĝo.

Bonvolu mencii de kiu estas sendita mono. Aliĝu!

Krome, en aŭgusto 2019 okazos Esperanta turisma renkontiĝo en Kamĉatka - orienta rando de Rusio: ni iros al vulkanoj, montoj kaj aliaj naturaj belaĵoj.

La informo estas ĉi tie:
https://www.ural-sib.org/eo/renkontigo-de-amikoj-14

# Israelo

## Zamenhofa Festo en Tel-Avivo




Pli ol 30 samideanoj partoprenis la 11an de decembro en Zamenhofa Festo en Tel-Avivo.

En la distra parto estis prelego pri Zamenhof (Amir Naor), kantoj (Israela, Luiza, Enrica kaj Doron/Amir) kaj eŭritmaj dancadoj (Tali), kiuj entuziasmigis la spektantojn. Fotoj kaj video videblas ĉe https://www.facebook.com/amri.wandel/posts/10218091939679939.

En la formala parto okazis diskutoj pri la novaj kotizoj de UEA kaj repago de elspezoj (prezentis Jehoshua), aĉeto de oficejo/klubejo en Tel-Avivo (Shlomo), kaj raportoj pri la agado en la pasinta jaro kaj la 20-Israela Kongreso en Eilat (Amri). Fine estis elektita estraro kaj kontrolkomisiono.

Pluraj utiligis la okazon por malplikoste aliĝi al la Israela Kongreso, kio ankaŭ eblas por eksterlandanoj ĝis la fino de decembro, antaŭpagante per UEA.

Informoj kaj aliĝilo: http://esperanto.org.il/ik20-mona.html.

Amri Wandel, Prezidanto de ELI

## Gravaj decidoj faritaj ĉi semajne de la ELI-estraro

Tiuj estis nur kelkaj el la gravaj decidoj faritaj ĉi-semajne de la ELI-estraro. Detala protokolo troviĝas en la retejo,

http://esperanto.org.il/dosieroj/ELIEP201811.pdf

* Amri finis E-kurseton "Nicocot" en mezlernejo de Modiin kun 17 lernantoj. Hodiaŭ okazis resuma kunveno, kun 200 lernantoj de la 10a grado en lernejo "Oort" en Modiin (aldona foto).
* Daŭriga kurso instruota de d-ro Doron Modan komenciĝos en Tel-Avivo la 26an de novembro. Ĝi havos 8 lecionojn, ĝis la 14a de januaro 2019. La horoj estos proksimume 19:50-21:00, la klubo okazos inter 18:30-19:45.



* La 12an kaj la 19an de novembro okazos libervolaj distraj renkontiĝoj kun Mikaelo, por la daŭrigantoj, kiuj estas malfermaj ankaŭ al la klubanoj. Amri informos la koncernajn personojn (la finintoj de la komencanta kurso).
* La komencanta kurso kun Doron komenciĝos la 11an de februaro 2019, kaj daŭros ĝis julio. Ĝi estos reklamita per anonco en Haaretz kaj per Facebook.
* La Israela Kongreso okazos en Eilat dum kvar tagoj dum la 11a - la 14a de aprilo, sekvata de la MONA-kunveno en Akaba (la 14a - la 15a kaj ekskurso al Petra kaj Wadi Rum (la 15a - la 17a) kaj la Morta Maro, Jerusalemo kaj Tel-Avivo-Jafo (la 18a - la 21a). Vidu pliajn detalojn en la retejo, http://esperanto.org.il/ik20-mona.html. La kosto por Israelanoj estos ĉirkaŭ 250 NIS por nokto en dulita ĉambro.

Amri Wandel Prezidanto de ELI

## Ĉinio

# Esperanto en monda kongreso de lingvistoj en Macau

Inter la 30a de oktobro kaj la 2a de novembro 2018 ĉe la Universitato de Macau okazis grava evento de ALTE, la dua konferenco pri "Taksado de mondaj lingvoj".

La ekzamenkomisionon de UEA reprezentis Alessandra Madella, juna italino, loĝanta kaj laboranta nuntempe ĉe la Artkolegio de Kunming en Ĉinio. Alessandra kandidatiĝis per prelego pri sia Esperanto-laboro en Kunming kaj ŝia temo estis akceptata de la organizantoj.

La partoprenantaro de la konferenco konsistis el universitataj profesoroj kaj magistriĝantaj kaj doktoriĝantaj gestudentoj, plie el anoj de ŝtataj instancoj pri lingva taksado. Speciale multnombre partoprenis la konferencon mondkonataj fakuloj pri la temo. Duono de ili venis el usonaj universitatoj, sed ankaŭ el Barato, Britio, Hong-Kongo, Kanado kaj Portugalio. Aliaj prelegantoj venis el Koreio kaj Singapuro. Alessandra estis la sola, kiu instruas en Ĉinio.

La lingvo de la kongreso estis la angla, sed eblis prezenti ankaŭ aliajn lingvojn, tiel Alessandra povis aŭdigi ankaŭ Esperanton, kaj allogi la atenton de pluraj ĉeestantoj. Sekve de tio en la paŭzoj ŝi sukcesis bone informi pri Esperanto, trovis plurajn profesorojn kaj fakulojn, kiuj serioze interesiĝis pri nia lingvo.

En sia prelego inter aliaj ŝi informis pri la vigla Esperanto-agado en Ĉinio, pri la Esperanto-versio de la Unesko-Kuriero. Ŝi menciis, ke en ĉirkaŭ 20 ĉinaj lernejoj okazas Esperantaj kursoj, de la baz-lernejo Baiyangshujie en Shanxi-provinco — kie ĉiuj infanoj lernas la lingvon— ĝis la 4-jara Esperanta fako, oficiale aprobita fare de la ĉina registaro, en Zaozhuang-a Universitato en Shandong-provinco. La dudek kvin gestudentoj, kiuj studas tie, iĝos plej verŝajne la nova generacio de dungotoj en la Esperanto-sekcioj de la prestiĝaj ŝtataj amaskomunikiloj kiel El Popola Ĉinio kaj Ĉina Radio Internacia.

Alessandra parolis pri la KER-ekzamenoj, kaj pri la kreskanta

intereso pri ĝi en la aziaj landoj.

Pretiĝis detala raporto pri la spertoj, kiun Alessandra liveris al ESF, sponsorinto de ŝiaj vojaĝkostoj, kaj al UEA, kiu delegis ŝin.

Ni gratulas nian junan koleginon pro ŝia aktiva laboro en Ĉinio kaj sukcesa reprezento de nia lingvo en tiu prestiĝa konferenco. Sen ŝi ne okazintus, ke Alister Cumming, emerita profesoro de la Universitato de Toronto (CA), kiu multe miris pri la estonta partopreno de la Nacia Filmoficejo de Kanado en la UK de Montrealo salutis ĉiujn partoprenantojn dum la lasta tago de la konferenco per "Bonan matenon!"

Pli valora saluto povintus esti nur "Ĝis revido en Montrealo", ĉu ne?

Novaĵo de edukado.net baze de la raporto de Alessandra Madella

## Pompa 5-jara Jubileo de Esperanto-Muzeo de Zaozhuang-a Universitato

La 2-an de decembro 2018 la 5-jara Jubileo de Esperanto-Muzeo de Zaozhuang-a Universitato okazis en la universitato, kaj pli ol 200 instruistoj, studentoj kaj esperantistoj el Koreio, Japanio, Islando, Irano, Pollando kaj Ĉinio partoprenis. Prof. prezidanto de la universitato Li Dong prezidis la jubileon, sinjorino Chen Shi, la estrino de EPĈ kaj vicprezidanto de ĈEL, prof. Cao Shengqiang, la vicprezidanto de ĈEL kaj sinjoro Ragnar Baldurson, la ministra konsilanto de la islanda ambasadorejo en Ĉinio faris paroladon en la jubileo.



En la jubileo la partoprenantoj vizitis la foto-ekspozicion de Esperanto-Muzeo, spektis la brilan filmeton pri la muzeo kaj ĝuis la artan prezenton kun dancoj kaj

kantoj.

La universitato ricevis pli ol 40 gratulajn mesaĝojn el 16 landoj, prof. Mark Fettes, la prezidanto de UEA, kaj sinjorino Mirejo, la prezidantino de ILEI sendis al la universitato la mesaĝojn, prof. Li Dong, la prezidanto de la universitato voĉlegis la mesaĝon de UEA.

Raportis Semio <semio@163.com>;

# Barato

## La 18a Barata Esperanto-Kongreso

Raportas: A. Giridhar RAO



Jen la nova estraro de la Federacio Esperanto de Barato:
Prezidanto: d-ro RANGANAYAKULU (Ranga);
Vicprezidanto: d-rino Mina DAN (Mina);
Ĝenerala Sekretario: s-ro KOTHA Naga Siva;
Kasisto: s-ino Kirti Krishna RATNOO (Kirti).

**Partoprenatoj de BEK 18**

La partoprenantoj de Barata Esperanto-Kongreso aprobis la elekton de tiuj estraranoj dum la semajnofino (la 15an – la 16an de decembro) en Puneo. Dudek esperantistoj el 4 landoj partoprenis la Kongreson: krom, kompreneble, de Barato mem, estis Gafur MIRZO (Uzbekio), Miko SLOPER (Usono / Nederlando), kaj Olexandr MELNYK (Ukrainio). Pro la ĉeesto en la Kongreso de pluraj gekomencantoj kaj de la du Esperanto-kluboj en Puneo, kaj de aliaj lokoj, ni decidis labori dulingve: en Esperanto kaj la angla. En la neformalaj babiladoj la lingvoj etendiĝis ĝis la hindustana, maratha, telugua kaj malajala. Tiu politiko de lingva inkluzivo funkciis vere bone por la komencantoj.

Krome, ĝi estis bona mesaĝo pri la inkluzivemo de la movado mem. La komencantoj ĉiuj promesis plibonigi sian Esperanto-kapablon.

Fakte, la kongresanoj ekvenis al Puneo jam de la 12a de decembro. LKK-anoj, s-roj Nischad SALAM kaj Siva varme akceptis la gastojn; la tria LKK-ano, s-ro S. S. PAL, atingis Puneon nur dimanĉe, kaj do ne povis ĉeesti la Kongreson (sed vidu sube!). La kongres-hotelo estis tuj apud la kongresejo, kaj do ege oportune. Same kiel por SAS-4, ankaŭ ĉi-foje s-ro Juny WILFRED desegnis la emblemon kaj banderolon por BEK 18.

Antaŭ la inaŭguro, la kongresanoj kune matenmanĝis kaj ekkonis unu la aliajn. Dum la inaŭguro je Zamenhofa Tago, nome de la kvinkapa Konsilio de FEB, A. Giridhar RAO bonvenigis la kongresanojn kaj klarigis la kongresan temon, "Barato 19: taskoj kaj defioj". Ĉefaj el ili estis: (i) la formiĝo de la Komitato kaj elekto de la Estraro de FEB; (ii) skizi kune laborplanon por FEB.

Poste estis la salutmesaĝoj – unue de la ĉeestantoj kaj poste la salutmesaĝoj tutmondaj. Estis abunde klare al la kongresanoj, ke la mondo rigardas al la movado en Barato kun granda intereso kaj espero. Sekvis malferma kaj vigla diskuto pri la temo, kiun ni pensis interesa kaj aktuala – "Internaciismo, sennaciismo kaj Esperanto en epoko de naciismo". Gvidis la sesion Miko. Aparte por la komencantoj, la sesio estis bona enkonduko al la historio kaj filozofio de nia lingvo.

Posttagmanĝe okazis la unua laborsesio. Dum ĝi estis anoncita la 12-membra Komitato de FEB. Giridhar klarigis la konsiston de la Komitatanoj: temas pri klopodo trovi ekvilibron inter la diversaj regionoj de la lando, inter viroj kaj virinoj, kaj inter novaj kaj spertaj esperantistoj. La kongresanoj aprobis per aplaŭdo la Komitatanojn kaj la Estraranojn de FEB. Kun tiu paŝo, finiĝis la ekzistokialo de la Konsilio. Tiuj du organoj nun prizorgos la aferojn de FEB.

Post mallonga paŭzo okazis arta vespero. Miko kunkantigis la kongresanojn per kantoj de la muzikgrupo Kajto. Gafur faris vervajn kaj amuzajn prezentaĵojn: kantojn, anekdotojn, ŝercojn, kaj proverbojn!

Ĝuis la kulturan programon ankaŭ la familio Salam, inkluzive de d-ro Abdul SALAM, la antaŭa Prezidanto de FEB. La tago finiĝis per bongusta kongresa bankedo.

Dimanĉe, unue Miko gvidis la seminarion pri Aktivula Maturigo (AMO). Tiucele li uzis unu el la lecionoj de la video-kurso *Pasporto al la tuta mondo*. Aparte la komencantoj tre ŝatis la videon kaj liajn klarigojn. Giridhar sekvis lin per sesio pri la laborplano de la nova Estraro de FEB. La ĉeestantoj kune diskutis la paŝojn eblajn por konsciigo, kapabligo kaj kunordigo de Esperanto en Barato. Venis multaj valoraj ideoj pri disvastigo de Esperanto; pri kursoj kaj kunestoj cele plialtigi niajn lingvonivelojn; kaj pri kunlaborado kun diversaj aliaj movadetoj enlandaj kaj tutmondaj. Eĉ pli bone, la ĉeestantoj surprenis respondecon por difinitaj taskoj.

Pluraj esprimis sian kontenton pri la Kongreso. Ekzemple, Gafur deklaris: "Mi estas tre feliĉa pri la Kongreso! Mi sentas, ke mi estas kun amikoj kiujn mi konas jam de longe!" Kaj Miko diris: "Mi ege ĝuis la Kongreson, aparte la eblecon renkonti tiom da afablaj novaj amikoj.

Pri BEK 18 aperis artikolo en la tagĵurnalo *Hindustan Times* je 19a de Decembro 2018.

# Taĝikio

## La oka internacia ekspozicio de libroj «Libro Duŝanbe»

En la ĉefurbo de Taĝikio, la urbo Duŝanbe, la 18an – la 20an de oktobro 2018 okazis internacia ekspozicio de libroj.

Ekspozicio okazis en la halo de Respublika biblioteko de la nomo de nia poeto Mirsaid Mirŝakar. En la ekspozicio partoprenis multe da organizoj, eldonejoj kaj tipografejoj de diversaj landoj: Rusio, Barato, Turkio, Uzbekio, Afganio, Usono, Francio kaj Taĝikio.

Feliĉe ankaŭ reprezentantoj de la Asocio de Esperantistoj de Taĝikio partoprenis en la ekspozicio. Sur la stando de la AET oni povis vidi multe da lernolibroj, vortaroj, belartaĵoj kaj revuoj el diversaj

landoj. Ĉe la stando deĵoris aktivuloj de la asocio. La spektantoj multe demandis pri Esperanto.

La 20-an de oktobro dum la konferenco la ministro pri kulturo enmanigis al partoprenintoj specialan diplomon pro la aktiva agado. Ankaŭ la prezidanto de AET Ŝukurov Firdaus ricevis diplomon kaj donacon.

Ankaŭ mi – la komencanta esperantisto partoprenis la ekspozicion kaj respondis al la spektantoj. La ekspozicio estis tre utila kaj interesa por mi. Ni sukcesis informi junularon pri nia bela lingvo Esperanto.

Mavzuna Hoĝimatova Saihun_49@mail.ru

## Aŭstralio

### Zamenhofa festo en Melburno



Sabaton, la 15an de decembro 2018 la melburnanoj celebris la Zamenhofan Feston. Bedaŭrinde venis nur dek kvin homoj: ĉirkaŭ dek homoj ne venis aŭ ĉar ili estis malsanaj aŭ pro alia devigo.

Tamen la programo estis bunta. Suzanne kaj Trevor Holton, profesiaj muzikistoj, ludis violonon kaj pianon; la grupo de Knox kantis la rusan kanton, Katjuŝa; Karlo Egger rakontis tri ŝercojn; Suzanne deklamis poemon pri meleagro, Franciska Toubale elektis poemon de Jenny Wrangborg “mi estas homo” el la poemaro Malvarma bufedo, esperantigita el la sveda de Gunnar Gällmo kaj eldonita de la Sveda Laborista Esperanto-Asocio. Sed la ĉefa parto estis la festparolado de Heather Heldzingen pri la historio de Homaj Rajtoj, kies datreveno okazas ĝuste en la sama semajno kiel la zamenhofa festo.

Post la solenaĵoj kaj distraĵoj, ni renkontiĝis ĉirkaŭ granda tablo, plenplena de frandaĵoj, por babili kaj konatiĝi kun la novuloj. Estas ĉiam plezuro vidi junajn vizaĝojn .

Franciska Toubale fran14@bigpond.net.au

# Pakistano

## La 41-a Jara Kongreso de Esperanto




La 13-an de decembro 2018, la 41-a Jara Pakistana Kongreso de Esperanto okazis. Oni diskutis jenajn aferojn.

1. La 4-a estrara kunsido de jaro-2018.
2. Administraj aferoj de PakEsA.
3. Oni elektis s-ron Shabbir Ahmad Sial kiel prezidanton kaj s-ron Hafiz Abdul Qadoos kiel ĝeneralan sekretarion de PakEsA. Oni elektis aliajn estraranojn.
4. Rilate temon "Esperanto kaj Universitato". Oni unue diskutis pri graveco de insruado de Esperanto en kolegioj kaj universitatoj de Pakistano. Estis diskutita kaj decidita ke oni komencu kontaktadon kun edukada fako de la registaro kaj la provinco por tiu ĉi celo.

Shabbir Ahmad Sial, Prezidanto de PakEsA <pakesa@yahoo.com>;




## Ĉiutaga vivo tra la mondo

Kiel homoj vivas en ĉiutaga vivo en diversaj landoj en la mondo? Por respondi tiun demandon, 23 esperantistoj el 20 landoj, inkluzive de Nepalo, Vjetnamio, Koreio, Japanio, Turkio, Irano, Mongolio kaj Ĉinio, verkis pri domoj, manĝaĵoj, vestaĵoj, dorlotbestoj, sportoj, lingvoj, sanigaj terapioj, hobioj, malnovaj rakontoj, festoj, religioj, konstitucioj kaj proverboj.

B5-formato, 240 paĝoj, prezo: 12 eŭroj.

Kontaktu s-ron HORI <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>;

# Turkio

## Festo de Zamenhof-Tago / Esperanto-Libro-Tago

En la 15-a de decembro sabate en Turkio (en Kadikoy-distrikto de Istanbulo) ni festis la Zamenhof-Tagon aŭ Esperanto-Libro-Tagon pere de tuttaga kunveno. En la kunveno partoprenis 25 homoj kaj almenaŭ duono de ili estis homoj, kiuj jam aŭdis pri Esperanto. Antaŭtagmeze oni prezentis en turka lingvo la historion de Esperanto kaj oni faris enkondukon al la lingvo surbaze de la 16 reguloj kiuj troviĝas en la Unua Libro. Oni ankaŭ spektis la video-gratulmesaĝojn, kiuj venis el diversaj landoj por nia festo. Posttagmeze oni faris mallongajn prezentojn ĝenerale en Esperanto:

* Kion ni faras POR Esperanto
* Kion mi faris PER Esperanto
* Mezorientaj Kunvenoj en Turkio
* Kiel mi fariĝis esperantisto
* Kiel mi lernis Esperanton
* La tri Epopeoj de Esperantujo
* Artefaritaj Lingvoj



Ni ankaŭ sukcesis aperigi artikolon pri Esperanto en papera loka gazeto. Jen ligilo al la reta blogaĵo de tiu artikolo en la blogretejo de la gzeto: http://www.gazetekadikoy.com.tr/yasam/irksiz-cinsiyetsiz-bir-dil-esperanto-h13397.html

Raportis Vasil Kadifeli<vasilkadifeli@gmail.com>;

**Japanio**

## Zamenhofa Festo 2018 en Nagojo




La 1an de decembro sabate okazis Zamenhofa Festo en la oficejo de Nagoja Esperanto-Centro, kiu situas en la urbocentro de Nagojo. Ĉeestis 24, inter kiuj estis 5 unuafojaj partoprenantoj, kaj la plej aĝa havis 90 jarojn.

Notinde estas, ke en ĝi ĉeestis raportistino el la tagĵurnalo *Chunichi-Shimbun*; ŝi ekhavis intereson pri Esperanto kaj venis al ni por informi ĝin, precipe ĝian aktualan uzadon al infanoj.

La tuta programo konsistis el kelkaj eroj; inter ili ĉefaj estas jenaj: Prezentado de libroj. 4 partoprenantoj prezentis verkojn mem verkitajn aŭ tradukitajn aŭ ŝatatajn.

Prezentado de kantoj. 2 kantoj estis prezentitaj en la originalo kaj en la Esperanta versio. Nome, la kanzono "*la vie en rose* (la vivo rozas)" de Édith Piaf, kaj la rokmuziko "*perfect illusion* (perfekta iluzio)" de Lady Gaga. Vorto-ludo. Oni amuzis sin per diveno, kiel esprimi diversajn kuiraĵojn kaj kuirartojn.

Bildrakonto. Kun bildoj sur ekranoj 2 partoprenantoj voĉlegis tekston, kiu temas pri atombombado. Cetere la atombombito kaj la verkinto, nome patrino kaj filino, ambaŭ estis/-as esp-istoj.

Paroladeto. La 90-jaraĝa emerita profesoro de la Universitato de Edukado Aichi parolis pri sia lasta okupado en hajko kaj ĝia traduko en Esperanto.

Bankedo. Ĉar ĉeestantoj estis pli multaj ol antaŭsupozo, ni vespermanĝis je bufeda servo. Ni sufiĉe amuzis nin per bonaj manĝaĵoj kaj babilado. (Raportis Yamaguti Sin'iti, ĉefkomitatano de Nagoja Esperanto-Centro, <syam-z@wa2.so-net.ne.jp>)

# Sukcesa Transjara Kurskunveno de EPA



La Transjara Kurskunveno de EPA (Esperanto-Populariga Asocio) okazis en Kameoka, Japanio, de la 30-a de decembro en 2018 ĝis la 2-a de januaro en 2019 kun 110 ĉeestantoj (25 koreoj, 25 nepalanoj, 2 vjetnamoj, 1 indoneziano kaj 1 malaviano (Afriko) kaj 56 japanoj inkluzive de 8 gvidantoj kaj 2 stabanoj).

9 klasoj okazis. En malferma ceremonio la gratulmesaĝo de estrarano de UEA, prof. Lee Jungkee, estis prezentita. En Interkona Vespero kantoj de Koreio, Nepalo kaj Vjetnamio, kaj japanaj tradicia kaj moderna dancoj estis prezentitaj. Multaj infanoj kaj adoleskantoj ĝuis la internacian etoson.

Ĉi-foje 2 reprezentantoj el Kaodaismo en Vjetnamio unuafoje partoprenis. Oomoto havas amikan rilaton kun la organizo de 1935. Oomoto nun celas enkonduki Esperanton kiel oficialan komunikan lingvon inter amikaj organizoj en Azio post 4 jaroj, okaze de la 100-jariĝo de enkonduko de Esperanto al Oomoto. La malaviano kaj indoneziano estas studentoj, kiuj lernas kutime en Ŝikoku, Japanio.

OKUŬAKI Toŝiomi <t-okuwaki@oomoto.or.jp>;

## Prelegkunveno “Rilati al la Mondo per Esperanto”

En la urbo Kioto, Japanio, vespere en la 11a de januaro 2019 okazis prelegkunveno sub la titolo "Rilati al la mondo per Esperanto". La organizanto de la kunveno estis NPO "Kioto-Libera-Universitato". Du el la stabanoj estas esperantistoj: Profesoro KABA Toyohiko pri ĉina literaturo kaj s-ino TAHIRA Masako pri Pasporta Servo en Esperantujo. Ĉeestis 10 homoj.

Komence instruisto de angla lingvo s-ro TAHIRA Minoru mallonge klarigis pri la lingvo Esperanto. Poste KABA demandis kaj Masako respondis.

1. Kiom da esperantistoj vi gastigis ĉe via hejmo?
**Masako:** Dum la lastaj 40 jaroj pli ol 400 esperantistoj.
2. Kiel vi lernis Esperanton?
**Masako:** Antaŭ 50 jaroj mi eklernis ĉe Esperanto-kurso en biblioteko.
3. Kiam vi vojaĝis eksterlanden per Esperanto?
**Masako:** En 1971 en Busan, Daegu kaj Seulo en Koreio okazis Internacia Renkontiĝo de koreaj kaj japanaj junaj esperantistoj. Por Masako, Koreio estis la unua alilando. Ĉie ni 11 japanaj esperantistoj estis entuziasme bonvenigataj de junaj koreaj esperantistoj. La bedaŭrata profesoro UMESAO Tadao pri antropologio prelegis ĉie en Esperanto. Masako eĉ sendorme babilis kun koreaj studentoj. Tiamaj koreaj junuloj nun estas gravaj kontribuantoj en Universala Esperanto-Asocio (UEA) kaj aliaj organizoj.
4. En kiu lando vi havas plej multe da kamaradoj?
**Masako:** En Koreio, ĉar tre oftas reciproka vizitado de ambaŭlandanoj. Lastoktobre en Nara, Japanio, okazis Komuna Kongreso de Japanaj kaj Koreaj Esperantistoj.
5. Kiom da landoj vi vizitis ĝis nun?
**Masako:** Kelkdek landoj, kie okazas Universala Kongreso, Azia-Oceania Kongreso, Afrika Kongreso kaj aliaj internaciaĵoj. Foje mi prelegis pri la japana abako *Soroban* kaj japana paktuko *Hurosiki*.

Mi spertis volontule labori ĉe Centra Oficejo de UEA en Roterdamo, Nederlando en 1996.

6. Por kiuj okazoj utilis Esperanto?

**Masako:** Esperantistoj batalis kontraŭ Vjetnama Milito. Por tio japana esperantisto JUI Ĉuunoŝin protestis, eĉ bruligante sin. Okaze de Katastrofo pri Ĉernobilo ni povis ricevi verajn informojn per Esperanto. Japanaj, koreaj kaj ĉinaj esperantistoj kunlabore eldonis Esperantan version de historia lernolibro inter japana, korea kaj ĉina lernejoj.

Lastatempe juna japana eseisto MAMIYA Midori tradukis en Esperanton "Septembre, surstrate en Tokio --- Granda Tertremo en la regiono Kantoo 1923, Postsono de Masakro", japane verkita de eseisto/ĵurnalisto KATOO Naoki. Koreaj esperantistoj petas min aĉeti kaj sendi la libron.

7. Kiaj organizoj de Esperanto-movado troviĝas?

**Masako:** Kioto-Esperanto-Societo, Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj, Japana Esperanto-Instituto, Universala Esperanto-Asocio, Sennacieca Asocio Tutmonda, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, Komisiono de Azia-Oceania Esperanto-Movado, Afrika Komisiono de UEA, Landaj Asocioj de UEA, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo ktp, plus multegaj fakaj asocioj laŭ profesioj, ŝatokupoj.

8. Ĉu ne multiĝas membroj de tiuj asocioj?

**Masako:** Multaj esperantistoj ne membriĝas en organizoj, sed praktikas interrete.

9. Kio estas boneco de Esperanto por vi?

**Masako:** En la japana lingvo ekzistas estimigaj vortoj por maljunuloj, malsamaj vortoj inter viroj kaj virinoj. Sed en Esperanto mi povas libere kaj egale paroli sen minuskomplekso sendepende de maljunuloj/junuloj, viroj/inoj, komencantoj/veteranoj.

10. (Demandis unu el la aŭskultantoj) Kial profesoro KABA estas esperantisto?

**Kaba:** Mi memlernis Esperanton kaj partoprenis en Azia Esperanto-Kongreso en Vjetnamio kaj konatiĝis kun s-ino TAHIRA.

(Raportas TAHIRA Masako)

## Koreio

# La 159a Zamenhofa Tago kaj la 1a Tago de la Esperanto-libro festita en Seula Urbodomo




La 15-an de decembro 2018 en la urbodomo de Seulo, Korea Esperanto-Asocio (KEA) celebris la 159an datrevenon de la naskiĝo de L.L.Zamenhof kaj la 1an Tagon de la Esperanto-libro. Ĉirkaŭ kvindekoj da esperantistoj kunvenis.

Prof. LEE Young-koo, prezidanto de la Asocio, malfermis la feston per salutmesaĝo. Sekvis prezentado de vivo de d-ro L.L.Zamenhof, prelego de s-ro LEE Nakkee, informo pri esperantaj eventoj en-eksterlandaj en la jaro 2019.

La dua parto de la kunveno komenciĝis kun la salutoj de nove bakitaj verduloj. Inter ili troviĝis s-ro Javidan el Irano, doktoriĝa studento en Koreio, kiu parolas Esperante post lernado per Duolingo nur dum du monatoj! 'Rondo Amuze', konsistanta el kanto-amantaj Esperanto-parolantoj, kantis 'Al Zamenhof', 'La fluanta tajdo' kaj 'La vojo'. Duono de la kunvenintoj kunportis kaj interŝanĝis E-librojn.

Ĉi-jare KEA inaŭguris la 1an Tagon de la Esperanto-libro en la kadro de la Zamenhof-Tago. La unua programero estis 'la Aŭtoroj de la Jaro'. En la jaro 2018 kvin libroj Esperantaj eldoniĝis en Koreio kaj ĝiaj aŭtoroj, ĉu verkintoj aŭ ĉu tradukintoj, estis elektitaj kiel 'La Aŭtoroj de la Jaro'. Ili estas: d-ro Kim Young Myung (tradukis el la japana la lernolibron 'Tutmonda lingvo Esperanto ellernebla en kvar horoj' de KOBAYASHI Tsukasa kaj HAGIWARA Yoko), s-ro BAK Mihong

(verkis ‘Baza Gramatiko de Esperanto en Bildstrioj’), prof. KANG Byounghun kaj membroj de Gyeongnam-Filio de KEA (tradukis el la japana la lernolibron ‘Sassa to Esperanto’ de YAMASITA Tosihiro), s-ino CHANG Youngeun kaj 22 esperantistoj (elesperantigis en la korean ‘La viro el la pasinteco’ de Julian Modest), kaj s-ino SHIN Eunsook (verkis la bildlibron ‘Esperanto en mia kampara vivo’).

Sekvis raporto pri eldonado de ‘Tutmonda lingvo Esperanto ellernebla en kvar horoj’. D-ro KIM Young Myung rakontis, kiel li konatiĝis kun la aŭtoroj de la verko kaj dankis al kunlaborantoj. S-ro YI Yongcheol esprimis dankemon al s-ino HAGIWARA Yoko kaj Eldonejo Hakusuisha pro ilia fervora subteno por la projekto. Li ankaŭ dankis al ĉiuj (81 individuoj kaj 2 organizoj), kiuj finance subtenis produktadon de la libro.

KEA iniciatis ‘Kampanjo por la legado de la Esperanto-libro’-n, kiu daŭris de junio ĝis novembro. La 6-monatan kampanjon partoprenis 40 fervoraj legantoj, el kiuj aliĝis 18 kandidatoj por la premioj 'Legantoj de la Jaro' per prezentado de recenzoj pri la libroj legitaj.

Premiitoj de la 'Legantoj de la Jaro 2018' estas:

Premio ‘L.L.Zamenhof’ ; KIM SongA
Premio ‘Verda E.Kim’ *[1] ; KIM Inhye
Premio ‘Elpin An’ *[2] ; CHUN Kyung Ok
Premio ‘Kolomano Kalocsay’ ; PARK Su Jin
Premio ‘Julio Baghy’ ; CHOE Jeong Cheol
Premio ‘William Auld’ ; OH Soonmo
Premio ‘Kontribuinto’ ; JEONG Daun

--------------------------------------------------------------------------------

*[1] Verda E.Kim (KIM Ok 김억 金億: 1896~?) estis pioniro de la korea movado. En 1920 li gvidis kurson de Esperanto, la unuan en Koreio, en Seulo kaj fondis Esperanto-Societon de Joseon (Koreio), kiun heredis KEA.

*[2] Elpin An (AN O-seng aŭ AN U-seng 안우생 安偶生:1907~1991) estis poeto, tradukisto kaj aktivisto por sendependeco kontraŭ la japana kolonia regado. Li esperantigis multe da koreaj kaj ĉinaj poemoj kaj noveloj.

Raportis YI Yongcheol <mentorcoach@naver.com>;

# Ni kune vojaĝu de Lahti tra Rusio kaj Mongolio al Pekino




Rusaj, mongolaj kaj ĉinaj geesperantistoj invitas vin partopreni la E-Karavanon 2019. Nova projekto antaŭvidas ĝian starton post la UK-104 en Lahti, Finnlando. La itinero antaŭvidas trajnumadon tra Rusio, Mongolio kaj Ĉinio. Tio estos iom nova sperto, ĉar ĉiuj antaŭaj EK-oj kondukis al la UK-oj. Laŭitinere oni haltos ĉe la Bajkal-lago kaj en certaj urboj/lokoj por konatiĝi kun iliaj vidindaĵoj kaj renkontiĝi kun geesperantistoj. Eblas partopreni nur parton de itinero de la EK-2019.

Pliajn informojn bv. trovi en
http://esperanto-karavano.info/itinero2019.html

Tatjana Loskutova lota49@mail.ru

**Esperanto-eventoj**
**Tutmonde**
**2019**

07/06-14 : La 55-a Baltaj Esperanto-Tagoj (Panevezys, Litovio)
07/13-20 : La 52-a Kongreso de ILEI (Ĉaĉak, Serbio)
07/20-27 : La 104-a UK (Lahtio, Finnlando)
07/28-08/04 : La 75-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) de TEJO (Liptovsky Hradok, Slovakio)
08/04-11: La 92-a Kongreso de SAT (Barcelono, Hispanio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**

la 56a Sumoo : 2019/01/13-27
la 57a Sumoo : 2019/03/17-31
la 58a Sumoo : 2019/05/12-26
en julio ne okazos la sumoo.
la 59a Sumoo : 2019/09/08-22
la 60a Sumoo : 2019/11/10-24

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo
Fejsbuko:
https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

**Azio kaj Oceanio**

**2019**

02/26-03/09: La 13a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Nepalo)
03/28- 31: La 12-a Mezorienta Kunveno (Kaŝano, Irano)
04/1-15: La Kunveno de MONA (Akaba, Israelo)
04/5-12: Ekskurso al Irano (Boruĝerdo, Irano)
04/11-15 : La 20-a Israela E-Kongreso + kunveno de Meza Oriento kaj Norda Afriko (Eilat, Israelo kaj Akaba, Jordanio)
04/19-21: Printempa Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Japanio)
04/25-28 : La 9a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto (Vjetnamio)
04/29-05/03: La 37a Komuna Seminario (Da Nang, Vjetnamio)
05/18-19 : La 93a Kjuuŝuua Esperanto-Kongreso (Mijazaki, Japanio)
05/25-26 : La 68a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
06/01-02 : La 67a Kansaja Esperanto-Kongreso (Uzi, Japanio)

**KAOEM-anoj**

Prezidanto: SO Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**

Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**

Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz

**Orienta Azio**

Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: SO Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAOEM**

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estraranoj de UEA**

Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Trezoro Huang Yinbao (Ĉinio) agrikulturo@126.com

**Retpaĝoj de KAOEM**

(1) La retejo de KAOEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356

(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?

A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo

B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado

C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

## Pri "Membriĝo al UEA" pere de KAOEM

Por 2019 multe ŝanĝiĝis la kotiz-sistemo de membriĝo al UEA por faciligi pagon de la membro-kotizo laŭ la grado de nacia produkto. Ekzemple nepalanoj povas rete aboni la revuon "Esperanto" kontraŭ du eŭroj.

Ni ankoraŭ ne elpensis novan manieron adaptigi la projekton C de KAOEM (pri membriĝo) al la nova kotiz-sistemo. Tial ni provizore anoncas jene:

"Ŝanĝiĝis membro-kotizoj de UEA por ke pli facile povu mem membriĝi gesamideanoj en landoj de malforta valuto. Vidu la retejon de UEA por scii la kotizon kaj unue juĝu, ĉu vi povos mem pagi ĝin. Se ne, kanditatiĝu al Projekto C de KAOEM aŭ Fondaĵo Canuto."

*Kotiztabelo de UEA 2019
https://uea.org/alighoj/kotiztabelo

INUMARU Fumio (Vicprezidanto de KAOEM)

………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAOEM)
Adreso de KAOEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAOEM:
Retejo de KAOEM : http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3